# INTERNACIA FERVOJISTO




1991.6



Internacie vojaĝi - internacie paroli ... ĉar ni bezonas internacian komprenemon. (Ilustraĵo kaj teksto de germana varbilo).

REDAKTORA BABILO

Baldaŭ okazos jarŝanĝo. Ni eniros la jaron, kiun oni nomas la 1992a post Kristo. Aliaj kalendaroj estas multe pli aĝaj, sed ne tiom disvastiĝintoj kiom la nomita, kiu estas nomita laŭ la kristana papo Gregorio la 13a. Ni pardonpetas antaŭ tiuj legantoj, kiuj uzas alian sistemon, eĉ alitempan komenciĝon de nova jaro, ke ni orgojle utiligas nur unu sistemon - sed alia faro tro komplikigus!

La estraro de IFEF kaj ties aliaj funkciuloj dankas pro pozitiva kaj senrezerva kunlaboro kaj agado dum la jaro 1991a. Ni spertis kongreson en lando, kiu por la unua fojo aranĝis IFK-on - kaj kun sukceso. Ni spertis sociajn kaj politikajn ŝanĝojn, kiuj tuŝas nian agadon, kaj al kiuj ni devas trovi la ĝustan manieron agi/reagi.

Ke niaj legantoj travivu agrablajn festotagojn dum la julo/ /kristnasko kaj la novjaro, kaj ke feliĉo kaj prospero regu - tio estas la deziro de la IFEF-estraro, pere de la plumo de
Red

ESTRARKUNSIDO DE IFEF

Sabate la 19an de oktobro 1991 okazis estrarkunsido en dana urbo Næstved, en kiu urbo ankaŭ situas la loĝejo de la redaktoro.

La sufiĉe streĉan, sed harmonie disvolviĝantan, trakton de multaj temoj sekvis malstreĉiga kunestado kun lokaj esperantanoj, kaj la postan tagon ekskurso tra la aŭtune buntkolora pejzaĝo en - laŭ vikinga vidpunkto - tre freŝa kaj blova vetero.

Ekspozicio pri la laboro bori tunelon sub la t.n. Granda Belto estis parto de la ekskurso, same kiel retrovaĵoj de vikinga fortikaĵo kompletigis la travivaĵojn.

Inter la traktaĵoj de la estrarkunsido estis la estonto de niaj kongresoj. Ĉu la nuna formo restu, aŭ ĉu eblos trovi pli taŭgan, pli modernan? Preskaŭ nenio ja restas senŝanĝa dum jardekoj, do eble ekzistas inter niaj membroj homoj kun la "ovo de Kolumbo" (ni ja baldaŭ eniros la jaron de 500a datreveno de la vojaĝo de Kolumbo!)

Fervojfakaj kajeroj, la unua ovo de Fake Aplika Komisiono (FAK) estas survoje, tiel ke la unua supozeble estos je dispono en la IFK Münster.

Venonta estrarkunsido okazos fine de marto 1992.
Red

INTERNACIA FERVOJISTO 1991.6 - 43a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

Redakcio: E Henning Olsen, Ådarupvej 182, DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretario: D-ro Romano Bolognesi, Via Misa 4, I-40139 Bologna.
Dana poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
Dana bankkonto: 7353-350550, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
Svisa bankkonto: 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
Svisa poŝtĉekkonto: CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.



## 44a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

16a-22a de majo 1992 en MÜNSTER, Germanio
Adreso: 44a IFEF-kongreso, Postfach 10 04 30, D-W-6360 Friedberg/Hessen
Kontoj: E. Herlitze, 44. IFEF-Kongress Münster
Sparda-Bank Köln (BLZ 370 605 90),
Konto 100 068 675 aŭ
E. Herlitze, D-W-5300 Bonn 3
Postgiroamt Köln (BLZ 370 100 50),
Konto 4185 66 - 501

| Kongreskotizoj (en germanaj markoj) | ĝis 31.01.92 | ekde 01.02.92 |
|---|---|---|
| Kongresano (IFEF-membro) | 84 | 115 |
| Familiano aŭ junul(ino) ĝis 20 jaroj | 42 | 58 |
| Kongresano (ne IFEF-membro) | 100 | 140 |
| Simpatianto - minimume (ricevos kongresmaterialon) | 30 | 30 |

La membroj de LKK estas: Joachim Giessner (prez), Siegfried Krüger (vicprez) Walter Ullmann (sekr), Erhard Herlitze (kasisto), Otto Rösemann (loĝigo), Dieter Hartig (fakaj aferoj), Rolf Terjung (ĝeneralaĵoj).

**Kongresejo** "Halle Münsterland", distanco de la staciddomo estas 1 kilometro. LKK disponigos rabatitan aŭtobusbileton validan de sabato ĝis vendredo por 15 DEM. Ĝi estos havebla en la informejo.

**Informejo** en stacio Münster apud trako 21. Indikiloj montros la vojon. Malfermota 15.5: 17.00-21.00 h kaj 16.5: 9.00-18.00 h.

**Akceptejo** en la kongresejo servos 16.5: 9.00-23.00 h kaj 17.5: 13.00-18.00 h.

**Kongreskarto.** Post alveno de aliĝilo kaj kongreskotizo LKK sendos kongreskarton kun nomo de la loĝejo kaj urboplanon, en kiu estas markita la loĝejo.

**Glumarkoj.** Bonvolu relegi la resp. informojn en IF 1991.5, p.68.

**'Orientaj' landoj:** La estraroj de jenaj landaj asocioj/sekcioj Bulgario, Ĉeĥio, Slovakio, Estonio, Hungario, Jugoslavio, Pollando kaj Rumanio ricevas stokon da "Suplementoj" aldone al la aliĝiloj. Ili estas petataj informi siajn membrojn kaj kiel eble plej baldaŭ aliĝigi ilin laŭ tiuj por ili pli favoraj kondiĉoj.

**Dua informilo**

Sur la paĝoj 67/68 de Internacia Fervojisto estas indikitaj la adreso de LKK, kontoj kaj kongreskotizoj. BV. atenti, ke Postfach signifas poŝtfako, Postgiroamt signifas poŝtĝira oficejo kaj BLZ signifas banka kodo.

**La kongresurbo Münster**
La nomo de la kongresurbo Münster devenas el la latina lingvo. Monasterium signifas monaĥejo. Ĝi ekzistas jam en la naŭa jarcento, kiam episkopoj komencis sian regadon. En la jaro 1170 la fieraj civitanoj ricevis urbajn rajtojn. Münster, siatempe riĉa metropolo, havis gvidan pozicion inter la vestfaliaj urboj kaj en la Hanso. La eklezaj regantoj konstruis imponan katedralon, preĝejojn kaj kastelon. Komercistoj starigis noblajn palacojn kaj

multnombrajn domojn. La epoko de Napoleono multon ŝanĝis en 1815. Finiĝis la regado de princepiskopoj. Münster fariĝis centra urbo de Vestfalio kaj apartenis al Prusio. La mezepokaj remparoj cedis al verdaj promenejoj, kiuj ankoraŭ nun ĉirkaŭas la historian urbokernon. Tie loĝos la plej multaj kongresanoj en hoteloj kaj pensionoj. Tri aŭtobuslinioj (6, 8, 15) interligas la urbocentron kun la foiro (Münsterlandhalle), kie disvolviĝos la IFEF-kongreso.

La pli ol miljara urbo Münster abundas je vidindaj konstruaĵoj, ekleziaj kaj profanaj. Unuavice altiras la atenton la grandega katedralo (St. Paŭlus) en romanika-gotika stilo. Interne troviĝas mezepoka astronomia horloĝo. Apude la vigla foiro. Ce la fasado de la preĝejo St. Lamberti estas videblaj tri feraj kaĝoj. En ili mortis la gvidantoj de mezepoka fanatika sekto. La iam princepiskopa kastelo estas nun parto de la universitato, en Germanio unu el la plej grandaj. Cie oni vidas amasojn da parkitaj bicikloj. La plej multaj apartenas al la 50 000 studentoj.

La ĉefplaco de Münster nomiĝas Prinzipalmarkt. Gi konsistas el domvico kun frontono apud frontono, arkado apud arkado, meze inter tio la urbodomo, juvelo de profana gotika arkitekturo. La fasado de la urbodomo troviĝas cetere sur la glumarko de la 44a IFEF-kongreso. En la panelita salonego de la urbodomo estis subskribita la kontraktoj, kiuj finis en 1648 la maldignan 30jaran militon en Mezeŭropo. Dum la lasta milito preskaŭ ĉiuj kulturaj konstruaĵoj estis detruitaj. Urbaj, ŝtataj instancoj kaj entuziasmaj enloĝantoj rekonstruis ĉion modele.

Münster situas ĉe la rivereto Aa, kiu influas en la samnoman Aa-lagon. Apudaj ventmuelejo, subĉiela muzeo kaj zoologia ĝardeno estas ŝatataj celoj de enloĝantoj kaj turistoj.

Per la Dortmund-Ems-kanalo la urbego estas ligita ankaŭ kun la maro. La moderna stacio estas bonege servata per rapidaj trajnoj el kaj al ĉiuj direktoj. Dum la IFEF-kongreso validas ankoraŭ la horaro de la vintra sezono.

## Ekskursoj

Cirkaŭ Münster etendiĝas en la malaltebenaĵo multnombraj akvokasteloj. Antaŭ jarcentoj ili estis simplaj rifuĝejoj de kamparanoj antaŭ fremdaj soldatoj. Dum la mezepoko noblułoj konstruis elegantajn kastelojn en diversaj stiloj. Pro la ĉirkaŭaj akvofosoj la kasteloj estis defendpovaj. Iliaj posedantoj grandparte estas ankoraŭ aristokratoj. Dum la duontaga ekskurso oni vizitos minimume du akvokastelojn. Ciu aŭtobuso prenos alian vojon. Ne hezitu mendi tiun allogan ekskurson.



Unu el la akvokasteloj

Celo de la alia ekskurso estas la Ems-regiono. Sur testotrako ŝvekas prototipo de la magnettrajno Transrapid. Nuntempe oni diskutas, ĉu tia magnettrajna sistemo estos enkondukata sur germana linio, ekzemple inter Hamburg kaj Berlin aŭ inter Dresden kaj Berlin. Ankaŭ aliaj Ŝtatoj interesiĝas pri la pridisputata magnettrajno. La kongresanoj havos

unikan okazon almenaŭ rigardi tiun trafikilon, kiu konkurencas al la fervojo. Al la programo de la tuttaga ekskurso apartenas ankaŭ la vizito al muelejo; ĝi povas funkcii laŭbezone per vento aŭ akvo.

Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) kore invitas ĉiujn geamikojn de la Internacia Lingvo partopreni la 44a IFEF-kongreson en Münster. Certe vi ne bedaŭros vian ĉeeston. Krome gekolegoj de Germana Regna Fervojo (DR) preparas allogan postkongreson en orienta Germanio. Vidu la specialajn informojn en Internacia Fervojisto.

LKK

POSTKONGRESO MÜNSTER 1992

Aldone al la informo en IF 1991.4 p.63 ni donas la subajn informojn pri la turisma aranĝo post la 44a IFEF-kongreso en Münster:

Ĝi okazos de la 23a ĝis la 28a (kaj ne nur ĝis 27a, kiel skribite en IF 1991.4) 05.1992 en Friedrichsbrunn/Harcmontario.

Provizora programo:

sabato 23.05: vojaĝo de Münster al Friedrichsbrunn. Ĉiu partoprenonto bezonas validan fervojbileton, senpagan aŭ FIP. "Plenpagantoj" aĉetu nur en Münster, pro eblaj grupkondiĉoj. Oni indiku tion sur la aliĝilo!

dimanĉo 24.05: ekskurso per etfervojo "Brodenbahn", vaporlokomotivo kaj vizito de Wernigerode (elp. Vernigerode)

lunde 25.05: piedekskurso ĉirkaŭ Friedrichsbrunn

mardo 26.05: tuttaga ekskurso "Harcrondveturo" per aŭtobuso

merkredo 27.05: duontaga ekskurso al Quedlinburg (elp. Kvedlinburg) adiaŭa vespero

jaŭdo 28.05: forveturo




Dum la vesperoj okazos diversaj kulturaj aranĝoj. Eblas aĉeti videofilmojn pri la Harcmontaraj etfervojoj kaj pri la parado de Riesa okaze de 150 jaroj de la unua germana fervojlinio de malproksima distanco Leipzig - Dresden.

Kotizo:
Po persono por la tuta aranĝo 469,- DEM en dulita kaj 559,- DEM en unulita ĉambro. Ĉiuj loĝos en bona hotelo, ĉiuj ĉambroj kun duŝo, necesejo kaj televido. En la hotelo troviĝas saŭno kaj 'boŭlo'. La kotizo inkluzivas ankaŭ pli 5fojan matenkaj vespermanĝojn kaj 2fojan tagmanĝon samkiel ĉiujn enirbeletojn kaj kulturajn programojn.

La fervojistoj-esperantistoj de Deutsche Reichsbahn jam ĝojas bonvenigi gekolegojn el multaj landoj. La aliĝilojn petu ĉe viaj landaj asocioj aŭ rekte ĉe la subskribinto!

Amike
Achim Meinel, Leninplatz 31,
D-O-1017 Berlin.

## RESUMO DE LA ĈEFA KONGRESA PRELEGO DE LA 43a IFK, OLOMOUC, MAJO 1991

## TER - la projekto de Eŭropa Ekonomia Komisiono de UN

Transeŭropa Fervoja Koridoro
Nordo - Sudo

Laŭ propono de la registaro de Pollando la Eŭropa Ekonomia Komisiono de Unuiĝintaj Nacioj agnoskis la projekton de Transeŭropa Fervoja Koridoro, kiu ebligos rapidan transigon ne nur de pasaĝeroj, sed ankaŭ de varoj el norda parto de Eŭropo en la parton sudan kaj de tie plu en nordan Afrikon kaj Proksiman Azion.

Ne temas pri konstruo de iu nova fervoja linio kun parametroj ebligantaj rapidajn veturojn, sed pri kiom eble la plej ekonomia altigo de trafika rapideco. Tion oni atingos ne nur per teknikaj rimedoj, ekzemple rekonstruo de nunaj trakoj por pli altaj rapidebloj de la trajnoj aŭ kie tio ne eblas, konstruo de novaj linioj, uzo de dusistemaj lokomotivoj por ne ŝanĝi ilin dum trairo al la najbara reto uzanta alian elektronutrigan sistemon, uzo de pli efika sekuriga instalaĵo kaj simile, sed ankaŭ per pli racia organiza flanko de la trafiko.

Se temas pri teknikaj parametroj de la linioj apartenantaj al TER-reto, ili devas plenumi la kondiĉojn jam antaŭe akceptitaj en la reglamento pri la reto de Eŭropaj Ĉefaj linioj AGC (ekzemple minimuma rapideblo sur novkonstruataj trakoj 250 km/h kaj sur rekonstruataj trakoj 160 km/h, diversaj kondiĉoj por la instalaĵo apartenanta ne nur al trakaro, sed ankaŭ al la pasaĝeraj stacioj kaj ranĝostacioj envicigitaj en la reton TER, ktp). Ke ni nomu almenaŭ kelkajn organizajn plibonigojn, ili estas ekzemple forigo de veturpaŭzoj dum trapaso de landlimoj, minimumo de teknologiaj paŭzoj dum ranĝado de vagonaroj, pli efika uzo de kombinitaj transportoj kaj simile.

La proponitan reton de la fervojaj linioj, kiuj kreas la reton TER, oni povas vidi sur la bildo, kie estas rimarkindaj precipe la sekvaj faktoj:

1. La reto TER origine proponita (plenaj linioj) vere sekvis la geografian direkton Nordo - Sudo, kio donis la nomon al la projekto.

2. Post la politikaj ŝanĝoj en meza kaj orienta Eŭropo Eŭropa Ekonomia Komisiono de UN decidis aldoni al tiu reto la liniojn por kunigi la landojn en okcidenta parto de Eŭropo kun reformlandoj troviĝantaj pli oriente. Tiuj novaj linioj estas direktitaj orient-okcidente (strekitaj linioj). Kun tiuj aldonitaj linioj la reto estas pli malpli subaro de la reto de jam antaŭe difinitaj Eŭropaj ĉefaj fervojaj linioj, tiuj de AGC (escepto, de la linio de TER-reto ne apartenanta al AGC estas desegnita per punktita linio: Dresden - Leipzig).

3. Al la projekto aliĝis la landoj de la koncerna regiono, krom la landoj skandinaviaj, kiuj montris malintereson al la projekto. La projekto do kunlaborigas sekvajn landojn: Pollando, (antaŭa) GDR, Ĉeĥoslovakio, Aŭstrio, Hungario, Jugoslavio, Rumanio, Bulgario, Italio, Greklando, Turkio kaj nove aliĝis ankaŭ Sovetunio.

4. ĈSD kreas neeviteblan kernon de la reto, kiun devas trairi ĉiuj trajnoj uzantaj la koridoron en la ĉefa direkto, do el nordo suden kaj male. Por pli bona orientiĝo la parto de la TER-reto apartenanta al ĈSD estas okulfrape markita.

Tiu ĉi resumo de la prelego estas skribita en februaro 1991 antaŭ la ia kunsido de la laborgrupo de ekspertoj por la infrastrukturo, kiu estis devigata dum tiu kunsido findifini la reton kaj precizigi la evoluon de la laboroj dum la unua periodo de la projekto. Poste estos prezentataj la plej freŝaj informoj pri la projekto.

Verkanto kaj preleganto:
d-ro Petr Chrdle
CSD-Fervoja Esplorinstituto
membro de la internacia laborgrupo por infrastrukturo de la projekto EK/UN TER

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

RESUMOJ DE LA PRELEGOJ DE LA 43a IFK, OLOMOUC, MAJO 1991

Historio kaj evoluo de la fervojaj horaroj
Joachim GIESSNER, Germanio

Superrigardo pri la historio de la pasaĝeraj fervojaj horaroj kaj ties evoluo de la epoko de poŝtkaleŝoj ĝis la nuntempo ĉe diversaj eŭropaj fervojoj kaj precipe ĉe la germana fervojo.

Fervoja armeo - specialaĵo de la orienteŭropaj armeoj
Zdeněk POLÁK, Ĉeĥoslovakio

Priskribo de ekesto kaj kialo de tiel nomataj teknikaj armeoj en Ĉeĥoslovakio eliranta el militpolitika doktrino kaj koncepto, precipe de ties grava parto - fervoja armeo. Krom ĝi ekzistas ankaŭ konstruŝosea armeo. Estas priskribata ne nur armea kaj faka celado, sed ankaŭ dureleco de ĝia regado (de du federaciaj ministerioj pri transporto kaj pri defendo), taskoj kaj problemoj pli frue kaj nuntempe kaj perspektivo de ĝia estonteco.

Pligrandigo de ranĝadkapacitoj per teknologioŝanĝo
Ludoviko SEKEREŜ, Jugoslavio

Generale la ranĝostacioj estas klasifikataj al tri tipoj: la plej grandaj kun sinsekvaj trakargrupoj kaj ranĝadmonteto, la mezgrandaj kun akcepto-ekspedtrakaro kaj fine tiuj kun akceptotrakaro kaj aparte la ranĝad- kaj ekspedtrakaroj. Ĉiu tipo havas sian teknologion por trajndisigo kaj trajnformado. La raciigoj okazos per modernigo de unuopaj operacioj. Koncerne la trian tipon, do la plej primitivajn ranĝostaciojn, ilia raciigo eblas per ŝanĝo de ilia teknologio tiel, ke per eta adapto de trakligoj al teknologio por meztipaj ranĝadstacioj prigrandiĝas ilia ranĝadkapacito je 25-30 %.

Historio de fervojaj lernejoj en Jugoslavio
Dimitrije JANICIC, Jugoslavio

La unua fervoja mezlernejo sur Balkana duoninsulo estis fondita en la jaro 1881 en Beograd. Ĉi tiu lernejo ekzistis nur kvar jarojn, nur unu generacion de fervojistoj. Denove fervoja mezlernejo en Jugoslaviaj landoj estis malfermita post 40 jaroj, en aŭtuno de la jaro 1922. El ĝi eliris 19 generacioj de fervojistoj kaj ĝi ĉesis funkcii en la jaro 1941. Post la dua mondmilito komenciĝis ordinara edukado de fervojistoj en mezlernejoj, altlernejoj kaj fakultatoj. En la jaro 1991 fervojista lernejaro en Jugoslavio festas 110, respektive 50 jarojn de sia ekzisto kaj laboro.

La lokomotivo 2000 de SFF
Ernst GLÄTTLI, Svislando

Temas pri nova lokomotivserio, kies prototipon la Svisaj Federaciaj Fervojoj (SFF) enservigis en printempo 1991.

La lokomotivo Re 4/4 numero 460 000-3 havos la forton de 6,1 megavattoj kaj povos veturi per maksimuma rapido de 230 km/h. Ĝi kontribuos al konsiderinda pligrandiĝo de la feruta transport-kapacito.

**La fervojnodo Česká Třebová**
Ladislav KOVÁR, Ĉeĥoslovakio

La urbo Česká Třebová troviĝas en angulo de Orienta Bohemio, tamen ĝi estas grava fervojnodo en Ĉeĥoslava-kaj Ŝtataj Fervojoj. Ĝi situas je la ĉefa fervojlinio de Praha al Slovakio kaj plu al Sovetunio. De ĉi tie estas direktata ankaŭ la linio al Brno kun kontinuo al Bratislava kaj Hungario aŭ Aŭstrio.

Gravecon de ĉi tiu fervojlinia kruciĝo donas ĉefe la vartransporto, ĉar tie ĉi kuniĝas ŝarĝfluoj el tri la plej gravaj direktoj. Por sekurigi la densan trajntrafikon estas la pasaĝerstacio ekipita per relajsa sekurigadsistemo kaj en la manovrostacio estas uzata moderna aŭtomata regadsistemo, kiu ebligas rapidan kaj efikan formadon de novaj vagonaroj. La urbo mem estas ankaŭ sidloko de fervoja mezlernejo kaj kultura centro por fervojistoj el vasta ĉirkaŭaĵo.

**Grandrapidaj trajnoj en Norvegio**
Per ENGEN, Norvegio

La Norvegaj Ŝtataj Fervojoj (NSB) komisiis al la konsilanta firmao ASPLAN fari esplorojn pri trafikaj kaj ekonomiaj kondiĉoj por grandrapida fervojreto en Norvegio. La bazon de la esploro kreis la nunaj ĉeflinioj. Oni taksis jenajn rapidnivelojn:

- 160 km/h, la nivelo por la nuntempa planado ĉe NSB
- 200 km/h, la normo por simila reto en Svedio,
- 300 km/h, la nuntempa mezeŭropa normo.

Konklude de la raporto estis difinita kiel socie profitdona rekonstruo de parto de la norvega fervojreto por rapido de 200 km/h. Pli granda rapido tiom altigus la konstrukostojn, ke la projekto ne plu estus profitdona.

La raporto montris, ke estos ankaŭ komerce profitdonaj rekonstruoj de pluraj linioj por la sama rapido, Oslo - Halden/(- Gotenburgo - Kopenhago), Oslo - Trondheim, Oslo - Bergen.

Rekonstruo de la linioj inter Oslo kaj Skien, Halden kaj Lillehammer kostos 9 miliardojn da norvegaj kronoj kaj pli ol duoniĝos la vojaĝtempojn.

Rekonstruo de la linio Oslo - Bergen kostos 8,5 miliardojn da kronoj kaj reduktos la vojaĝtempon de 6 horoj 30 minutoj al 2 horoj 50 minutoj.

**La elektrizo de la orienta marborda ĉef-fervojo**
Alan Peter BURGES, Britio

Priskribo de elektrizado de la ĉefa orienta marborda fervojlinio inter Londono kaj Edinburgo.

**Organiza strukturo de DSB**
Henning HAUGE, Danio

Ekde la 1a de januaro 1990 Danajn Ŝtatfervojojn administras ĝeneraldirektoro kaj tri fakaj direktoroj. La lando estas dividita en kvar regionojn kun po 6 regionĉefoj por respektive pasaĝeroj, varoj, trafiko, infrastrukturo, elektro kaj konstruaĵoj. Ĉiu el tiuj fakoj konsistas el produktunuoj kun buĝetrespondeca gvidanto. Krome ekzistas vojaĝagentejoj, aŭtobusa servo kaj pramŝipa servo. ■

RESUMA JARRAPORTO DE LA LANDAJ ASOCIOJ DE IFEF PRI LA JARO 1990

- daŭrigo de IF 1991.5, paĝo 78 -

9. **Terminara kaj traduka laboro.**
Koncerne la tradukon de UIC-leksikono la landaj asocioj raportis la sekvajn:
**Aŭstrio:** ne ekzistas iu aktiveco,
**Belgio:** kunlaboras en Terminara Komisiono per du fakuloj,
**Britio:** nenion raportas.
**Bulgario:** tradukas ĝin al la bulgara lingvo,
**Ĉeĥo-Slovakio:** tri personoj okupiĝas pri la traduko. Ili urĝe bezonas originalan LG-IV. Kelkajn fakajn artikolojn verkis kaj aperigis d-ro Petro Chrdle.
**Ĉinio:** kompilas Fervojistan Terminaron al ĉina-angla-esperanta lingvoj, dum la kuranta jaro ili finos tiun tradukan laboron,
**Danio:** kvin-persona teamo tradukas ĝin al la dana lingvo, ili ricevis grandan helpon de la Danaj Ŝtataj Fervojoj,
**Finnlando:** mankas la aktiveco,
**Francio:** ne partoprenis en la novaj taskoj de la Terminara Komisiono,
**FR Germanio:** la laboro de la Fervoja Terminaro estas finita. La preparo laboro por LG-V komenciĝos post la pretigo de la Nacilingva Vortaro. La plej grava kontribuo estos la preparo de la Aktuala Fervoja Vortaro. Ili difinas la terminojn. Jam ekzistas la prototipoj de la Aktuala Fervoja Vortaro kaj de la Difinvortaro,
**GDR:** kunlaboras en la Terminara Komisiono. Ili aperigis la vortlistojn germana-esperanta/esperanta-germana en la revuo "Fervojistaj Novaĵoj". Ekde la n-ro 1/1990 de la revuo "Fervojistaj Novaĵoj" aperas artikolo-serio sub la titolo "Terminara angulo" por prepari la estontan difinvortaron.
**Hispanio:** denove komencis la aktivan laboron post iom da paŭzo,
**Hungario:** estas preta la traduko al hungara lingvo, ankoraŭ mankas la financa bazo por eldoni. Plurfoje ili aperigis gravajn kaj valorajn fak-artikolojn. Ili komencis prepari la Difinvortaron.
**Italio:** daŭras la traduko,
**Japanio:** raportis nenion pri tio,
**Jugoslavio:** La traduko de UIC-leksikono estas planata ĉe oficialaj instancoj de la Jugoslava Fervojo. Mi citas el ilia raporto: "... Ni atendas pacience la rezulton (la nepoj nin benos, se ni pacience eltenos)..." --- Mi ne scias, kiel kompreni tiun frazon de ilia raporto. Mi aldonas hungarajn onidirojn: "Rostita kolombeto ne flugas al buŝeto", aŭ "Kiu laboras, tiu akiras - kiu mem ne penas, nenio al li venas".
**Nederlando:** daŭre klopodas trovi kapablan kunlaboranton,
**Norvegio:** ne ekzistas terminara laboro,
**Pollando:** la traduko de la Fervoja Terminaro al pola lingvo estas preta,
**Slovakio:** la traduko al slovaka lingvo daŭras malrapide,
**Svedio:** la manuskripto estas preta, ili devos ordigi laŭ sveda alfabeto. Laŭ la antaŭsigno la landa asocio baldaŭ ĉesos funkcii, tamen la du kunlaborantoj de la Terminara Komisiono volas kunlabori plu,
**Svislando:** S-ro Bipp kunlaboras kun la Terminara Komisiono de IFEF.

Dum la jaro 1990 en FR Germanio okazis traduko de Konvencio, nome "Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de varoj (CIM)".

Ok landaj asocioj raportis pri aperigo de fakaj artikoloj. Inter ili estas originalaj kaj traduki-

taj.

10. Diversaĵoj.

Ĉeĥo-Slovakio: D-ro Petro Chrdle prilaboris novan plilarĝigitan tekston de la Esperantaj Klarigoj por la nova fervoja horaro.

Ĉinio: kompilos propagandan broŝuron en Esperanto pri Ĉina fervojo.

Finnlando: en familia rondo festetis la 40jaran jubileon de sia societo.

Francio: La nombro de la membraro kreskis per 28 anoj.

(Antaŭa) GDR: Pro la ŝanĝo de la politika situacio sur kelkaj agadterenoj estas pli facila, ĉe ceteraj estas malpli facila. Ĉesis la subvencio de la ĝisnuna Kulturligo de GDR, ekde 1991 ne povas esti dungito de la landa asocio. Okazis kontaktoj inter la landaj asocioj de la estintaj du Germanioj, povas okazi la unuiĝo de la tieaj du landaj asocioj. Sur la teritorio de la iama GDR jam fondiĝis federacilandaj asocioj, tamen la agad-cirkonstancoj draste malboniĝis. Multaj aktivuloj fariĝis senlaboruloj kaj havas privatajn zorgojn, problemojn. Tio ne stimulas la transprenon de taskoj kaj funkcioj, tamen donas esperon la fondo de pli granda, forta tutgermana Esperanto-Organizaĵo!

Hungario: La Fervojista Esperanto-Sekcio havas rezidejon ĉe la Generaldirekcio de MÁV, la Fervojista sekcio havas dungitojn, propran Esperanto-bibliotekon, eldonas la statistikan kajeron de MÁV en Esperanto, funkcias radioamatoroj. La estraro de la Hungara Esperanto-Asocio distingis kvin fervojistajn aktivulojn pro ilia longdaŭra kaj elstare rezulta agado.

Italio: okazis multaj pri- kaj por-esperantaj manifestacioj.

Jugoslavio: Okaze de la jarkunveno JAFE eldonis specialan poŝtkarton.

11. Fina komentario.

La membro-nombro de la landaj asocioj plejparte - kvankam ne tro - tamen kreskis, en kelkaj landoj stagnas, ĉe ceteraj malkreskis. La membronombro de IFEF sume iom malkreskis. Tiu ĉi fakto devigas nin direkti nian atenton al tiu ĉi agadtereno.

Pri nia movado la komentario de la unuopaj landaj asocioj estas tre varia.

La movada agado ĉe la unuopaj landaj asocioj

evoluas:
en Belgio, Bulgario, Ĉinio, Danio, Germanio, Italio, Hispanio, Norvegio kaj Slovakio,

stagnas:
en Aŭstrio, Ĉeĥio, Francio, Hungario, Japanio, Jugoslavio, Nederlando, Pollando kaj Svislando,

dekadencas:
en Britio, Finnlando kaj Svedio.

En kelkaj landoj malboniĝis la financa situacio pro la inflacio, ekzemple en Hungario, Jugoslavio kaj Pollando.

El la jarraportoj de la unuopaj landaj asocioj mi povas konkludi tre modestan evoluon.

Budapest, la 3an de majo 1991.

Inĝ. István Gulyás
vicprezidanto de IFEF

KOREKTO

Al tiu, kiun oni mensogas mortinta, Fortuno donas longan vivon!

Do, pardonpetojn kaj gratulon al Josette Forslund, kiu pro iu kaprica eraro aperis en IF 1991.5, paĝo 70.

Red

OLOMOUC - KUNVENO PRI MOVADAJ AFEROJ

Kun la partopreno de kvardeko da kongresanoj, reprezentantaj 11 landojn, la 17an de majo 1991 disvolviĝis en Olomouc kunveno pri "Movadaj aferoj", sub gvidado de IFEF-sekretario, d-ro Romano BOLOGNESI (I), kiu bonvenigis rememorante la celon de la iniciato, nome pri la neceso diskonigi la fervojistajn kaj movadajn atingojn iel akiritajn de kolegoj, kaj precipe kiel eblis atingi ilin, por eventuale marŝi samdirekte. Estas ja grave diskonigi la bonrezultajn agojn faritajn por ricevi la oficialigon de Esperanto en la rilatoj inter la fervojaj administracioj, por levi ĉie en la landaj sekcioj de FISAIC la lingvan problemon, por instigi la oficialigon de Esperanto en la rilatojn inter partioj, fervojistaj sindikatoj kaj similaj organizoj.

Ŝajne IFEA devos rezigni ricevi de la landaj asocioj anoncon de nomo pri la respondeculo en tiu ĉi aranĝo, kiun oni devus taksi grava kaj utila, se oni volas kompreni ĝin en la deziroj kaj celoj.

Post tiu enkonduko, la gvidanto donas la vorton al partoprenantoj.

S-no Leopold PATEK (A), aŭstria komitatano, informas pri la koresponda kurso de Internacia Esperanto-Muzeo Vieno kiu atingis ĉ. 200 korespondantojn. IEMV havas ankaŭ komputilon kaj pretigas kurskasedojn taŭgajn por aŭstroj.

S-ano Lucien DE SUTTER (B), IFEF-ĉefkomitatano, sciigas ke en aprilo okazis ĉe SNCB-direkcio (Belgaj Fervojoj en Bruselo) 3 kursoj je tri niveloj, preskaŭ oficiale, en la fervojista lernejo. Cetere ili ne havas propran sidejon kaj bibliotekon.

S-ino Catina DAZZINI (I) parolas pri la klopodoj enkonduki Esperanton en la 22 AEDE-landaj sekcioj) Eŭropa Asocio de Instruistoj).

S-ano Martin STUPPNIG (A) memoras ke 1991.05.05 okazis vizito en Venecio fare de naturamikeca asocio en Arnoldstein dum kiu Esperanto havis gravan rolon, montrante ankoraŭfoje sian taŭgecon.

Prof. Ernö GELETA (CS) mencias praktikan eblecon de helpo pere de la Lingvo inter esperantistoj, kiun li mem spertis per livero de medikamentoj. Tio donas al M. Stuppnig eblecon memorigi alian okazon en kiu Esperanto multe helpis en aŭstria FISAIC-medio.

S-ano José MOLINO (E), hispana k-ano, rimarkas ke dum IFK mankas io: t.e. ekz. junulara vespero kaj kontaktoj kun la urboj.

Bolognesi sinesprimas pri la junulara situacio, kiu bedaŭrinde ne estas favora, ĉar en ĉiuj fervojoj oni maldungas laboristojn kaj ja oni ne laborigas junulojn. La plej junaj el ili estas jam pli malpli 30 jaraĝaj, sed estas bone ke en la kongreso estas kelkaj. Pri kontaktoj, ja ili ne estas kontentigaj, sed inaŭguro de strato en Hamar kun urba procesio kaj laŭta publika tramarŝado en Olomouc ne estas malmulte.

S-ino Clara CARIOLI Gubbioli (I) estas subtenanto de la Patrona Komitato de TEJO ĉe UEA por helpi la junularon, sed laŭ ŝi eĉ de ili estas malfacile kompreni kion ili mem faras por varbi novulojn.

S-ano Ernst GLÄTTLI (CH), svisa k-ano, mencias pri sia vojaĝo en 1990 al Skandinavio kaj pri postaj prelegoj en sia lando. En iu el ili ĉeestis du junuloj, kiuj evidente sentis sin apartigitaj kaj, kiam demanditaj, ili reagis strange juĝante Esperanton bona, sed dirante ke ili

plej ofte uzas aliajn rimedojn. Cetere estas multaj aferoj kiuj bremsas la utiligon de la Internacia Lingvo: familio, laboro, ktp.

S-ro Antoŝ OLDRICH (CS) estas konvinkita ke oni devas unue agi en propra familio favorante la envolviĝon de la junuloj.

K-go Stuppnig mencias la altajn kotizojn por la junuloj.

Ck De Sutter respondas al Glättli pri la sinteno kaj konduto de la junuloj, kiuj ofte sekvas la lastan modon kaj sopiras al komsumado.

Inĝ. Gustavo BONVECCHIATO (I) mencias la ĉiam agantan generacian konflikton: la gefiloj plejofte kontraŭas la gepatrojn nur pro tio.

D-ro Serio BOSCHIN (I) parolas pri la propagando kaj memorigas la oficialigon de la Esperanto-teksto en la katolika liturgio. Li instigas agi por enkonduko de Esperanto-novaĵoj en ekleziajn magazinojn kaj propagandi uzante taŭgajn foliojn kaj murafiŝojn.

S-ano Olof REVESTAD (S) rimarkis ke estas pli facile esperantigi aliajn gejunulojn ol proprajn gefilojn.

S-ro Andreo HERVUET (F) notis ke la infanoj facile kaj tuj lernas Esperanton. Oni devas agi konsekvence.

F-ino Paola AMBROSETTO (I) konfirmas tiun lastan mencion rimarkinte la facilecon instrui la infanetojn.

Laŭ prof. Geleta estas du sojloj: konvinkado kaj trovo de tempo. Por la unua li proponas mencii la utilon de la latina, kaj por la dua li uzas simplan metodon: surbendigon de paroladoj kaj daŭran aŭskultadon dum li faras aliajn ne gravajn laborojn, pere de portebla aŭskultilo.

S-ino Nora CARAGEA (D) estas konvinkita ke de infanaĝa lernado oni ne povas kompreni pri efiko. Ŝajne oni ne povas fidi al tio.

S-ino Dazzini mencias italan propagandan prospekton "La ĝusta solvo", kiu montras vojon por koni, partopreni, kunlabori. S-ano Glättli konfirmas tiun vicon: une lerni, due partopreni kaj trie kunlabori.

S-ino Caragea plendas pri la naciaj "krokodilantaj" grupetoj.

D-ro Boschin notis ke en la bendopanelo de la IFK-Olomouc mankas la vorto "Esperanto".

S-ro Laureant VIGNAUD (F) proponas surinsignajn grandliterojn por montri ke kvankam el multaj landoj ni parolas la Lingvon Internacian.

Fine, la gvidanto, konstatinte la grandan kaj viglan partoprenon en la programo pri "Movadaj aferoj", esprimas sian kontentecon. Ŝajnas ke forumo preskaŭ neoficiala, kiu permesas ne ligitan interŝanĝadon de spertoj kaj de ideoj estas tre bezonata.

Ofte nia movado stagnas, ofte mankas junuloj: se oni ne volas ke ĝi baldaŭ malaperu, nepre oni trovu novajn vojojn; ankaŭ tiu ĉi buŝa kaj rekta praktiko eble utilas por pli interkonatiĝi inter ni, pli fratiĝi kaj pli bone kunordigi nian laboron.

IFEF-Sekretario
(d.ro Romano BOLOGNESI)

FERVOJA KORESPONDA SERVO

Germano GIMELLI, Via Creti 61,
I-40128 BOLOGNA, Italio.
Bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on ktp.

Aldonu se eble internacian respondkuponon.

## "ITALA-ESPERANTO/ESPERANTO-ITALA FERVOJA TERMINARO"

Dum ĝenerala kunveno en Bologna Itala Fervojista Esperanto-Asocio (IFEA) aplaŭde salutis la sukcesan kompletigon de la manuskripto de la nacia Fervoja Terminaro.

Post la apero de "Fervoja Terminaro en Esperanto" de IFEF, en marto 1989, sed, pli precize, tuj post la eldono de "Lexique général des termes ferroviaires" - IV (UIC), fine de 1989, mi, per longa kaj pacienca laboro, fotokopiis la liston de la 10.204 italaj terminoj, duoble pligrandigante ilin.

Sekve mi ĉiam pacience tondis la terminkolumnojn kaj aranĝis ilin mem per gluo sur la maldekstra parto de blankaj folioj. La samon mi faris kun la tuta listo de la same nombraj esperantaj terminoj fotokopiita el "Fervoja Terminaro".

Tiam mi havis en la manoj du dikajn paperpakojn konsistantajn respektive el 171 kaj 294 folioj (do, sume 465 folioj), pri kiuj necesis kompleta refotokopiado por pli facila, sendifektiĝa utiligo de ili tra skribmaŝino.

Poste, sur la folioj, en kies dekstra parto ja estas sufiĉa kaj taŭga spaco, same pacience kaj sindone, niaj kolegoj Boschin, Facchinelli kaj Dotto tajpis ĉiujn korespondantajn terminojn resp. en Esperanto kaj en la itala. Ĝi ankaŭ estis longa kaj peniga laboro.

Finfine kaj feliĉe, post ĉirkaŭ unujara laboro, IFEA posedas la malneton de verko tre valora por ni kaj por la tuta movado.

Sed, ĉu ni jam povas tute festi? Bedaŭrinde ne, ĉar ne mankas la kialoj por plu peni. Ni ankoraŭ ne scias kiel trovi la tutan sufiĉan monon por la presado de la verko mem, kvankam ni jam proponis (petis) subtenan anticipan financigon ĉe nia FS (Bologna-Departemento) kaj eĉ ricevis promesojn de nia DLF (Postlabora organizo de fervojistoj) en Bologna.

Nur malmulte pri tio ĝis nun estas videbla, sed ni ne malesperas. Ni turniĝos al la FS-Direkcio kaj al la Centra Oficejo de DLF en Romo kaj eĉ ni estas serĉantaj privatan financadon.

Ni intencas eldoni ĝin en formato A5 (21 x 14,85 cm), kiel tiu de IFEF-Terminaro, kaj kompreneble, laŭ ni kaj laŭ la indikoj de IFEF-TK, ĉiuj naciaj terminaroj devos esti tiaj.

Espereble ke nia simpla sed efika labormaniero povas faciligi la laboron ankaŭ al aliaj niaj kolegoj, kiuj eĉ povos pli bone kaj rapide procedi por pretigi sian terminaron.

Verdire estus tute mirige (eble mirakle) se en la tuta fervojista esperanta movado aperus preskaŭ samtempe dudeko da terminaroj en niaj angla, bulgara, ĉeĥa, ĉina, dana, finna, franca, germana, hispana, hungara, itala, japana, nederlanda, norvega, pola, rumana, serbo-kroata, sveda kaj, kial ne?, en estona, slovaka, kaj krome en kataluna, makedona, rusa, slovena, ktp, lingvoj. Cu ĝi ne estas bela revo? sed, kial nur revo?

Mi scias pri grandaj malfacilaĵoj ekzistantaj en kelkaj landaj asocioj, kiuj malhelpas la realigon de tiu-ĉi plano, sed, laŭ mi, ĝi estas linio nepre sekvenda por realigi grandan kunordigitan agadon en la fervojista kaj esperanta medioj, malfacile starigebla eĉ en la plej organizitaj fakoj.

Oni devas imagi la momenton kiam ni povos prezenti al la fervojoj de preskaŭ la tuta mondo, almenaŭ de la

mondo teknikposedanta, tutan kolekton de terminaroj tuj kapablaj solvi ĉiujn fervojajn lingvajn problemojn.

Ni strebe devas klopodi por tion realigi, kaj kiel eble plej baldaŭ.

Kion vi opinias pri tio? Bonvolu reage skribi al mi kaj al la Redakcio de IF por doni viajn sugestojn kaj konsilojn, kiuj certe estos utilaj por ĉiuj aliaj.

Kaj fine ni havas peton. Oni devas iel anticipe scii kiom da volumoj oni devas presi kaj kiom da ili oni eble sukcesos disvendi. Estas pro tio ke ni petas la landajn asociojn, la lokajn grupojn, la unuopulojn antaŭmendi ĉe ni kopiojn, kiujn ni liveros pli malpli je la samaj kondiĉoj kaj prezoj de IFEF-"Fervoja Terminaro", laŭ tiu ĉi skemo:

Al IFEA, Via de' Poeti 5/2, I-40139 BOLOGNA (Italio)

Nomo (asocia/familia) ..............................................................
Antaŭnomo ..............................................................
Adreso por la sendo: Strato ..............................................................
N-ro ......... Poŝtkodo ............. Nacio ..............................
Antaŭmendo de (nombro) ............ de kopioj de "ITALA-ESPERANTO/ESPERANTO-ITALA FERVOJA TERMINARO"
Dato ............... Subskribo ..............................................

Romano Bolognesi (I)

---

## NIAJ JARJUNVENOJ

### GEFA kongresis en Friedrichshafen

Inter la 11a kaj 13a de oktobro 1991 Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) okazigis sian 35an jarkunvenon, modele aranĝitan de s-ro Siegfried Krüger, komisiito por la distrikto Stuttgart. Gastiganta urbo estis Friedrichshafen, kiu situas idilie ĉe Konstanca Lago. De tie pramŝipoj veturas al la proksima Aŭstrio kaj Svislando. En la festvespero GEFA-prezidanto Joachim Giessner bonvenigis inter multnombraj kongresanoj honorgastojn de la publika vivo, de la fervojo, de la Fervoja Socialorganizaĵo (BSW), ankaŭ la IFEF-honorajn membrojn Elfriede Kruse kaj Wim van Leeuwen. Salutojn transdonis la reprezentantoj de landaj asocioj en Aŭstrio, Belgio, Ĉeĥoslovakio, Francio, Nederlando kaj Svislando. La delegitoj okupiĝis pri organizaj temoj kaj ankaŭ pri la venonta IFEF-kongreso en Münster. La kongresanoj konatiĝis kun la vidindaĵoj de Friedrichshafen. Ili ĝuis la ŝipekskurson al la insulurbo Lindaŭ malgraŭ portempa pluvo. Kultura matineo ofertis inter bonkvalitaj muzikaj kontribuaĵoj elektitajn teatrajn scenojn lerte prezentitajn de amatora teamo "Kia Koincido".

Wilhelm Barnickel (D)

---

### 33a IFES

Dum la periodo 8a-15a de februaro 1992 okazos en la slovaka montara hotelo Husárik ĉe la urbo Cadca la 33a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno.

Petu aliĝilon ĉe via landa asocio/sekcio aŭ rekte ĉe la organizanto: Magdaléna Feifičová, TOM 25/5, CS-01001 ŽILINA.

Relegu kelkajn informojn en IF 1991.4, paĝo 62. ■

## ROLF BERGH 70-JARA

La 10an de oktobro 1991 la vicprezidanto de Norvega Esperantista Fervojista Asocio NEFA fariĝis 70-jara.

Rolf Bergh estas relative nova esperantisto, sed dum la malmultaj jaroj kiel ano de NEFA li montris eksterordinaran aktivecon kaj dinamikon, - precipe menciinde estas liaj ideoj kaj grandioza laboro antaŭ kaj dum la aranĝado de la 42a Internacia Fervojista Kongreso en Hamar dum jaro 1990. Dank'al li la gepartoprenantoj el nepagipovaj landoj povis loĝi kaj manĝi senpage dum la kongresaj tagoj.

Ankaŭ dum la nunjara 76a UK en Bergen Rolf Bergh faris bonan laboron, pro kio li meritas laŭdon. Estas li, kiu kreis la informan ekspozicion en la stacidomo, kaj dum la fervojista kunveno li majstre kaj elokvente prelegis pri la plej novaj pasaĝervagonoj de Norvegaj Stataj Fervojoj NSB.

Cetere Rolf Bergh estas fervora ano de la esperantoklubo "La Urso" en lia hejmurbo Sarpsborg, kie li havas sian agrablan hejmon kaj kie li vivas bone kaj harmonie kune kun sia gaja kaj afabla edzino Miriam.

Sian 70-jaran naskiĝtagon li kaj Miriam festis en la sunplena Hispanio, kaj ni liaj multaj geamikoj en Norvegio estis kune kun ili en niaj pensoj.

Per Johan Krogstie
Prezidanto de NEFA

## SANGOJ DE LA KONGRESA REGULARO DE IFEF

Sekve de la decido de la komitato dum la 43a IFK, Olomouc (vidu kongresproponojn 1 kaj 2 en IF 1991.1 paĝo 8, kaj protokolon en IF 1991.5 paĝo 71), la teksto de Aldono VIII, KR (Kongresa Regularo), E. Financoj, punktoj 15 kaj 16 nun tekstas jene:

15) Senpagajn kongreskartojn ricevas estraranoj, ĉefkomitatano, honoraj prezidantoj, honoraj membroj, membroj de la Honora Komitato, la gvidantoj de la Terminara kaj de la Fake Aplika Komisionoj kaj LKK-anoj.

16) LKK pagas la tranoktadkostojn de la estraranoj, la ĉefkomitatano kaj la gvidantoj de la Terminara kaj de la Fake Aplika Komisionoj por 5 tagoj.

## ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en januaro, estas 01.01.1992

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved